

# PENSEO

*N-ro 110*

*Dec./2000*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 www.crosswinds.net/~zfmao/penseo




pentrita de Guozhu je 15-XII-1974

## MIKRONOVELO

## Rakonto pri Ŝlosiloj

Su Zi

Li malligis la ringon da ŝlosiloj kviete.Ĝis tiam rompiĝis la lasta ligo inter li kaj la familio apartenanta al li.

Li metis ĝentile la ŝlosilojn sur la tablon.

Kun la infano en sia brakumo, lia edzino sidis sur la litrando. Silenteme ŝi prenis ĉion ĉi en sia rigardo. Ambaŭ li kaj lia edzino estis kulturitaj. Tial eksedziĝo, kiu sin prezentis korŝira ago en la okuloj de ordinaruloj, ŝajnis ĉe ili kiel lirlanta rojo, kiu fluis kaj fluis, kaj fine apartiĝis ĉe la forka fluejo.

La tri-jara filino senŝeligis orangôn atenteme en la sino de sia patrino kaj malpurigis ŝian vestaĵon per la oranĝa suko. Tio, kio konsolis ilin geedzojn, estis, ke feliĉe la infano troviĝis en la stato de nesciado kaj ne povis kompreni ilian suferon de apartiĝo.

Sed lia koro ektremis iomete, kiam li malligis la ŝlosilojn.

Li ne havis bonan memoron. Antaŭe, kiam ili vivis en harmonio, la edzino ĉiam ŝerce titolis lin “forgesemulo”, ĉar li perdis grapolon da ŝlosiloj multfoje. Iufoje dum la afervojaĝo de lia edzino, li enfermis la ŝlosilojn en la ĉambro. Li povis fari nenion antaŭ la fera pordo, kaj fine li riskis grimpi malsupren per ŝnuro el la fenestro de balkono de la najbaro loĝanta supre. Vidante, ke li svingas perŝnure tien kaj reen inter altaj domoj, la najbaroj loĝantaj supre aŭ malsupre ne povis eligi spiron pro paniko. Poste, kiam la edzino aŭdis pri la okazaĵo, ŝi kolere pugnobatis lian bruston kaj, kun larmoj sur la vizaĝo, histerie kriis, “Mi preferus forbruligi la etaĝdomon ol lasi vin riski!”

Tiam li brakumis sian edzinon tiel firme, ke ŝi ne povis eligi ploradon pro sufoko.

De tiam li neniam faris tian riskon, ĉar lia zorgema edzino aĉetis fortikan ĉenaron por tredi la de li bezonatajn ŝlosilojn. Ĉiufoje, antaŭ ol ŝanĝi kaj lavi vestaĵojn, ŝi ĉiam certigis, ke ŝi sekure ligu la ŝlosilan ĉenaron. Kiam la infano povis kompreni kelkajn vortojn, ŝi ofte grumble rakontis al ŝi la forgesemon de la patro pri ŝlosiloj. Finrakontinte, ŝi ĵetis streban rigardon al li, dirante, “Kiel malsaĝa

patro!"

Tamen tio estis paseo. Post longtempa neelportebla turmentado inter ili, la verdikto de la kortumo alportis al ili ĝojon de liberiĝo. Li eligis longan suspiron kaj, post kelka pensado, li fine malligis la ĉenaron de ŝlosiloj kaj metis ĝin sur la tablon.

La edzino droniĝis en peza silento. Rigardinte al la ĉirkaŭaĵo konata de li, li turnis sin kaj foriris per longaj paŝoj al la pordo.

Je la momenteto, kiam li puŝmalfermis la pordon, li aŭdis klaran voĉon: "Paĉjo…, ne forgesu viajn ŝlosilojn!"

(el la ĉina: Hongjia)

õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ õ

EL 《***LAŬZI***》

Trad. Wang Chongfang

ĈAPITRO X

Ĉu vi, unuigante la animon kun la korpo,
Povas eviti ilian disiĝon?
Ĉu vi, koncentrante la vitalan forton kaj la
spiradon,
Povas fariĝi tiel supla, kiel infaneto?
Ĉu vi, klarigante vian internan spegulon,
Povas purigi ĝin de ĉiaj makuloj?
Ĉu vi, regante la regnon kun amo al la popolo,
Povas teni vin je senagdo?
Ĉu vi, malfermante kaj fermante la pordon de la
Ĉielo,
Povas ludi la rolon de la Femalo?
Ĉu vi, perceptante kaj komprenante ĉion inter la
kvar direktoj,
Povas esti libera de ĉiaj scioj?

ĈAPITRO XI

Tridek spokoj konverĝas al la nabo;
Estas la malplena centro,
Kiu faras la ĉarradon uzebla.
Ni kneads argilon kaj faras el ĝi vazon;
Estas la malplena interno,
Kiu faras la vazon utiligebla.
Ni boras murojn kaj faras pordojn kaj fenestrojn;
Estas la malpleneco de la aperturoj,
Kiu faras la domon loĝebla.
Tial ni tiras avantaĝon el tio, kio ekzistas,
Kaj uzas la avantaĝon per tio, kio ne ekzistas.

ĈAPITRO XII

La kvin koloroj blindigas la okulon.
La kvin tonoj surdigas la orelon.
La kvin gustoj sensentigas la palaton.
La ĉevalvetkuro kaj ĉasado frenezigas la menson.
La raraj valoraĵoj tentas al ŝtelado kaj rabado.
Tial la Saĝulo kontentigas nur la stomakon, ne la
okulon.
Jen kial Li preferas tion ĉi, ol tion.

## ĈINAJ MODERNAJ POEMOJ

## OKAZE

**XU ZHIMO**

Nubero en ĉiel' mi estas,
Okaze mi min projekcias sur vian koron ---
Ne surpriziĝu,
Nek ĝoju senbezone ---
Kaj mia ombro malaperos dum momento.

Vi kaj mi renkontiĝas mare sub malluma nokto,
Vi havas vian, kaj mi mian, jen direktojn;
Pli bone estas por vi memorigi,
Plej bone ja forgesi,
La lumon la de ni ĵetitan ĉe renkonto!

elĉinigis Fang

## Se



Xi Murong

la sezonoj povus esti mallume senvivaj
se la suno volus
la homvivo povus esti ekstreme soleca
se la amo volus
mi ja
povus ne aperi por eterne
se vi volus

esceptante la sopiron al vi
amiko kara
mi nenion havas
tamen
se vi volus
mi tuj igus mian penson velki
fali kaj rompiĝi

se vi volus
mi ja
estu preta ĉiun semon elterigi
ĉiun riveron fortranĉi
dezertecon kaj sekecon senlime etendi
ekde hodiaŭo dum ĉi tiu vivo
mi ne plu vin prenus en mian menson

escepte de iuj
iuj malseketaj kaj larmigaj noktoj
se
se vi volus

elĉinigis Liu Fang



Viaj kontribuaĵoj estas valoraj por nia movado!

## Ĉina Fablo

### La Centro de la Mondo

Huang Ruiyun

Saĝa Porko asertas, ke la mondo devas havi sian centron, samkiel domo havas sian mastron. Estas neimageble, se la vasta mondo ne havas sian propran reganton. Iun tagon, en lian kapon batiĝas la ideo, ke la centro de la mondo estas li mem.

"Porko estas la centro de la mondo!" li anoncas ĉi tiun grandan eltrovon.

Bovo kovas dubon kontraŭ li. "Ne estas tiel, mi timas." Bovo diras, "Kio estas via bazo por tio?"

"Nu! Bazo!" Porko komencas sian predikon, "Estu libera de maltrankvilo! Estas ne eble, ke ne ekzistas riĉa bazo por la teorio de Porko. Ĉiam ni prezentas dubojn kuraĝe kaj serĉas pruvojn diskrete. La kaŭzo, kial mi trovas la centron de la mondo, kuŝas en tio, ke unue, mi trovas, ke, ĉio, kio mi havas en la koro, senescepte rilatas al la aferoj de kaj pri porkoj. Mi plene kredas, ke, se ekzistas io pli sankta ol la porkoj kaj io, kio povas regi la mondon, mi certe pripensas tion. Tamen la problemoj, kiuj okupas mian menson, ĉiuj estas tiuj pri la porkoj, sed ne pri alio. Tio pruvas plej forte, ke Porko estas la reganto de la mondo. Tiamaniere mi eltiras la neŝanceleblan konkludon."

"Ĉu tio estas ĉiuj bazoj?" demandas Bovo.

"O! No, no, no!" La saĝa Porko diras, "Tio nur estas la fonto de mia eltrovo, malproksima de mia plena bazo. Kaj mi eltrovis multon da faktoj, kiuj

starigis mian teorion sur la firma bazo. Mi eltrovas, ke, escepte de porkoj, ĉiuj animloj devas fordoni grandan laboron, tiel ke ili povas vivi sian plorindan vivon. Prenu vin Bovon kiel ekzemplon. Vi devas senĉese plugas kaj erpas la teron por gajni faskon da pajlo. Por aliaj ekzemploj, ĉevaloj, krom tiri ĉaron, estas malhonore rajdataj de homoj; azenoj kaj muloj devas surporti ŝarĝojn; hundoj devas gardi domojn, kapti ĉasaĵojn kaj konduti laŭ homaj ordonoj; katoj devas kapti ratojn; kiu el ili povas vivi trankvile? Ŝajnas, ke kaproj kaj leporoj ne povas fari ion utilan, sed ili devas penadi por herba manĝaĵo. Sole ni porkoj nenecese faras ion kaj estas respektataj kaj bredataj de homoj. Kaj ĉio ĉi estas ĉiuj karakteroj de tiuj, kiuj sin tenas kiel mastroj. Ĉiutage en stalo ni bonfartas: brue spiri, furzi, ĝojplene grumbli kaj dormi senzorge. Ni ĝuas feliĉon dumvive. Kiuj povus esti mastroj de la mondo kaj la centro de la mondo, se ni ne estus?"

"Kaj homoj, do?" demandas Bovo.

"Ne forgesu ilin!" diras la teoriisto pri la centro de la mondo. "Ili generacion post generacio penadas kaj penadas al la celo por manĝigi nin. La homoj, ververe, estas pli superaj ol vi, kaj ili vin servigas. Ili ekzistas en la mondo ĝuste pro tio, ke ili devas manĝigi nin por nia ekzisto."

"Tamen," diras Bovo, "via viando estos manĝita de ili finfine."

"Nu! Ĉu? Do!" Porko stultiĝas. Sed li estas ja saĝa kaj li rapide trovas la logikan konkludon: "La homoj manĝas nin ĝuste pro tio, ke ili volas doni al ni idealan finiĝon."



(el la ĉina: Dura)



## Poemo de Du Fu

### Kiam Rivero Aspektas Marsimila

Kun fermita karakter' mi ŝatas
elfari versojn de poemo,
Mi ĝismorte absorbite ĉasas
mirigajn frazojn kun volemo.
Jen oldaĝe simplajn versojn bakas
mi laŭ natura flu' de memo,
Eĉ printempaj birdoj ĉi tien falas,
ne sentas ĝenon kun timpremo.
Mi sur novan balustradon amas
apogi min en ĝoj-ekstremo
Por fishoki, kaj sur flos' mi gajas
anstat' en boat' kun ĝemo.
Grandajn la poetojn (kiel Tao kaj Xie)
akompanas
volonte mi kun verva temo,
Verki versajn pecojn tree plaĉas
nin kunveture en ravemo.



elĉinigis Vejdo

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Eldonas Guangdong-a Esperanto-Asocio
Adreso: s-anino Harpina WU
Poŝtkesto 136, Jichang-xi,
Guangzhou, Ĉinio, CN-510403
E-poŝto: harpina@21cn.com
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: wyd168@21cn.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
****************************